# KVARA CIRKULERO
## pri la daŭrigo de la Amsterdama Katedro, 2013-2018

la 26an de oktobro 2012

Tiu ĉi cirkulero enhavas du novaĵojn.

1. La dekano de la la Universitato de Amsterdamo ĵus sendis la (maturan) malnetan tekston de la varbanonco por speciala profesoro pri interlingvistiko kaj Esperanto al la tri kuratoroj de la katedro por ilia aprobo aŭ eventualaj korektoj. Estas antaŭvideble, ke la definitiva teksto tre baldaŭ aperos en la reto kaj gazetaro. Sur la paĝoj 2 kaj 3 de tiu ĉi cirkulero mi publikigas mian esperantigon de la malneta teksto. La traduko estas inform-cela kaj havas nenian juran valoron; ĝi ne estas uzebla en viaj eventualaj kontaktoj kun la universitato.

2. Per retpoŝta mesaĝo de la 20a de oktobro UEA komunikis, ke ĝi nomumis kiel sian katedran kuratoron s-ron Nikola Rašić, kiu do anstataŭos la nunan kuratoron de IEI, Hans Erasmus, kiu okaze de la transiro de la katedro al UEA, forlasos sian postenon.

Wim Jansen

## Malneta teksto de la varbanonco

**Fakultato pri Humanismaj Sciencoj**
La Fakultato pri Humanismaj Sciencoj de la Universitato de Amsterdamo (UvA) organizas instruadon kaj esploradon kun forta internacia akcento en granda nombro da disciplinoj en la kampo de lingvoj kaj kulturoj. La fakultato rezidas en la centro de Amsterdamo kaj flegas intensivajn kontaktojn kun multaj ĝiaj kulturaj institutoj. La fakultato havas pli ol mil dungitojn kaj ok mil studentojn.

En la departemento pri Lingvistiko kaj Literaturscienco vakiĝos komence de la studojaro 2013-14 la posteno de

**Speciala profesoro pri Interlingvistiko kaj Esperanto**
(nome de Universala Esperanto-Asocio, UEA)
por dudekprocentoj de plentempa okupo

**Karaktero kaj enhavo de la katedro**
La speciala profesoro responsos pri la subtenado kaj plivastigo de la instruado kaj esplorado en la kampo de la interlingvistiko, kiu estas la interdisciplina tereno de la lingvistiko, kiu pristudas ĉiujn facetojn de la rolo de lingvoj en la internacia komunikado, kun speciala atento al la teorio kaj praktiko de planlingvoj. Inter ili Esperanto okupas centran pozicion.

Al la taskoj de la katedrulo apartenos, interalie, la iniciatado kaj mentorado de doktorigaj esploroj en la interlingvistiko kaj la instruado de fak-koncernaj, elekteblaj moduloj en la Fakultato de Humanismaj Sciencoj. Krom tio, la katedrulo devos esti kapabla konsili publikajn instancojn pri la ebleco kaj dezirindeco partoprenigi reprezentantojn de la interlingvistika fako en sociaj diskutoj, kiuj tuŝas la specialaĵon de la katedro. Li/Ŝi devos esti kapabla organizi kursojn de Esperanto (eventuale kunlabore kun aliaj instruantoj). Lia/Ŝia esplorado estos enkadrigita en la programo de la lingvistika esplorcentro *Amsterdam Center for Language and Communication*.

**Profilo: taskoj kaj postuloj**
La katedrulo devos esti disponebla por la plenumado de siaj taskoj meznombre dum unu tago ĉiu-semajne. La speciala profesoreco ne signifas, ke la katedrulo estos dungita de UEA, nek de UvA, kaj li/ŝi ne estos salajrata de ili. Kompense, la katedrulo povos disponi pri € 20.000 ĉiujare, el-spezeblaj interkonsente kun la kuratoraro por kovri la kostojn, kiujn la plenumado de la katedraj taskoj kaŭzas. La speciala profesoreco ne estas kombinebla kun eventuala jama dungiteco ĉe la Fakultato de Humanismaj Sciencoj UvA. La katedrulo havos mandaton de kvin jaroj.

La taskoj de la katedrulo estas ĝenerale priskribeblaj jene:

- instruado en la kampoj de la interlingvistiko kaj Esperanto.
- mentorado de magistraj aŭ bakalaŭraj disertaĵoj.
- scienca esplorado kaj mentorado de doktorigaj esploroj.
- funkciado kiel ligilo inter UEA kaj UvA.
- kontribuado al laŭeble vasta diskonigo de la katedro per aktiva kaj reklama sinteno en kaj ekster UvA.

La katedrulo devos plenumi jenajn funkciajn postulojn:

- havi tre bonan esplorkapablon, demonstreblan per la posedo de la doktora titolo (PhD) kaj per aliaj valoraj sciencaj agadoj kaj publikigoj.
- havi demonstreblan larĝkampan sperton en la lingvistiko, speciale en la interlingvistiko.
- havi bonajn instrukapablon kaj instrusperton, tiel sur universitata nivelo, kiel ankaŭ en rilato kun alinivelaj lernantoj.
- esti kontaktema kaj facile kontaktebla, kapabla organizanto kaj gvidanto.
- konscii pri la konovalorigeblo en la kampo de la katedraj laboroj.

**Proceduro kaj aldonaj informoj**

La katedrulo estos selektita de la kuratoraro de tiu ĉi speciala katedro. Ĝi konsistas el tri membroj: prof-o d-ro D. Gorter, mag. J.H. Erasmus kaj prof- d-ro P.C. Hengeveld. Dum la selektoprocezo, la kuratoroj povos serĉi asiston de unu aŭ pliaj konsilantoj. La kuratoraro prezentos al la estraro de UEA proponon, kiu bezonos aprobon de la dekano de la Fakultato pri Humanismaj Sciencoj kaj de la Estraro de UvA. Oni povos peti, ke kandidato okazigu prov-lecionon dum la selektoprocezo.

Interesitoj povas peti pri pli detalaj informoj ĉe prof-o d-ro P.C. Hengeveld (retpoŝte: p.c.hengeveld@uva.nl) aŭ ĉe la sekretario de la dekano mag. D. van der Vaart (telefone +31-(0)20-525 38 04, retpoŝte d.vandervaart@uva.nl).

Petoj pri kandidatigo devos esti senditaj antaŭ <dato ankoraŭ difinenda> al:

Curatorium van de Bijzondere Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto
Universiteit van Amsterdam
Faculteit der Geesteswetenschappen
Afdeling Personeel en organisatie, t.a.v. drs. D. van der Vaart
Spuistraat 210
1012 VT Amsterdam (Nederlando)

kun mencio, en la maldekstra, supra angulo de la koverto, de la referencnumero de la vaka posteno (*vacaturenummer*) kaj la kvalifiko 'strikte konfidenca' (*strikt vertrouwelijk*). La peton devos akompani biografio (*curriculum vitae*), listo de publikigitaj verkoj kaj mencio de tri ŝlosilaj publikigoj, kiuj laŭ la juĝo de la kandidato aparte subtenas la peton pri kandidatigo, kaj proponoj koncernantaj esplorprojektojn kaj la instruadon.

La supre menciitaj dokumentoj, prefere en la formato PDF, estos akceptitaj ankaŭ per retpoŝta alsendo al:

solliciteren2012-fgw@uva.nl

kun mencio de la referencnumero de la vaka posteno (*vacaturenummer*) en la temlinio de la retpoŝta letero.